XVIIIª jaro. Nº 258 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj |
| Unu numero | 1.— Franko |

*Svisa poŝtĉeko I.2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

| REKLAMO | |
|---|---|
| Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Frankoj |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0,50 Franko |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## NIA LINGVO SERVU

Ĉie, pro la spertoj de rekomencita propagando, refloras inter la esperantistaro la Hodleraj ideoj pri la urĝa neceseco, ke nia lingvo prezentu jam nun tujan utilon praktikan al la homoj. Respondante al trafa demando de Prof. Alessio: „kia estas la ĝusta vojo?" Dro Stromboli skribas en la itala revuo „*L'Esperanto*": „Mi estas certa, ke ni estas pli multnombraj ol ni kredas... multaj personoj en la plej malproksimaj lokoj de la mondo lernis Esperanton sufiĉe por ĝin legi kaj skribi, sed ili dormas, ĉar oni ne montris al ili la vojon por aplikado."

Nia itala samideano do proponas, ke UEA organizu la esperantistojn laŭ fakoj kaj kuraĝigu apartajn profesiajn kongresojn, eĉ malmultnombrajn. Saman ideon ni ankaŭ havis kaj ĝi estis unu el la kaŭzoj kial ni deziris okazigi la konferencon pri instruado. Ni ja rimarkis en Praha, ke la instruistoj formas la plej multnombran fakon. Unue ni pensis je nura kongreso de instruistoj pri alia temo kun nenio esperanta krom la uzata lingvo, sed poste urĝa dokumenta bezono nepre necesigis kunvokigi unue konferencon pri la speciala afero de Esperanto en lernejoj.

Dua konferenco pedagogia devus okazi baldaŭ en alia lando kun monkurzo pli favora. Anstataŭ organizi nurajn festojn kiel antaŭ- kaj post-kongresojn, estus efektive tre saĝe sekvi la konsilon de Dro Stromboli. La fakaj kunsidoj en niaj kongresoj tute ne sufiĉas kaj nun venis la tempo ilin diskreskigi al pli veraj kunvenoj du aŭ tri-tagaj.

Tamen kompreneble troviĝas jam multe pli vasta publiko por legi nian lingvon ol por ĝin paroli kaj por vojaĝi al kongresoj. Tial sur la kampo de eldonaĵoj ni povus ankoraŭ pli sukcese labori. La fama ministro Wellington Koo, kiu ĵus prezidis la ĉinan delegitaron en Washington, iam konsilis tre prave ke oni publikigu Esperante la plej gravajn ĉefverkojn de monda scienco kaj pensado. Nur por havi la eblecon studi la faman lernolibron de Gide pri Ekonomio Politika aŭ de James pri Psikologio kaj similajn mondverkojn, ĉina junulo vere profitus lernante almenaŭ legi Esperanton, kiu estas kompreneble multe pli simpla por li ol angla aŭ franca lingvo kaj ankaŭ rimarkinde pli facila ol Ido pro la Zamenhofa vortkonstruado.

Tiun ĉi tre gravan temon atente pripensis kaj admirinde pritraktas nia franca samideano So Rollet de l'Isle en bonega broŝureto[1]) kaj ankaŭ en speciala raporto. Li jam donis al ni en la franca lingvo bonegajn propagandilojn kelkpaĝajn pri Esperanto kaj scienco, Esp. kaj pedagogio, Esp. kaj Ligo de Nacioj k. t. p. Trafe, klare, konvinke li prezentas ĉiam taŭgajn argumentojn kaj pruvajn dokumentojn. Lia nuna ideo pri internaciaj eldonoj estas atente studinda kaj urĝe realiginda.

Ĉie nun plialtiĝis la preskostoj kaj la sama malfacilaĵo, kiu instigis tiom da blinduloj lerni Esperanton por ebligi internacian libraron, nun atingas la mondon de la viduloj. Ofte neeble estas, pro la elspezo, presigi diverslingvajn tradukojn de gravaj sciencaj verkoj. La kultura vivado de l'homaro staras minacate de la materia krizo. Esperanto povus ĝin savi ebligante tutmondan disva-

[1]) *Des ailes pour la pensée par l'Esperanto,* ĉe la aŭ tro, 35. rue du Sommerard, Paris 5.

stiĝon de libroj en unu sama lingvo krom tiu de l'originalo. La registaroj devus eĉ subvencii tiajn eldonojn por diskonigi ekstere la riĉaĵojn de sia nacia kulturo. Publikigante esperantan tradukon de esencaj studlibroj de l'famaj aŭtoroj, eldona firmo povus eĉ nun fari profitigan entreprenon kondiĉe ke ĝi organizu bonan reklamon unue en malgrandaj landoj disvastigante esperantajn ŝlosilojn presitajn sur nacilingva prospekto kaj tiel montrante kiel simple estas kompreni la lingvon kaj tiel legi gravajn verkojn, kies traduko ne ekzistas en la gepatra lingvo. Klariga esperanta-esperanta vortareto de la novaj teknikaj radikoj uzataj povus troviĝi en la fino de ĉiu volumo.

Ni tre deziras ke la ideo de So Rollet de l'Isle veku praktikan entreprenon kaj helpu nian lingvon fariĝi pli kaj pli la komuna trezorejo de l'homara kulturo.

*Edmond Privat.*

---

 EDUKADO & INSTRUADO 

*En tiu ĉi numero ni presigas neniun tradukon, nur originalajn verkaĵojn de diverslandaj kunlaborantoj (Red.).*

## Lernejo por Eduka Scienco

de *Dro Percy Milner*

„Studu la infanon, ĉar certe vi ne konas lin.“ Tiel skribis en 1760 Jean-Jacques Rousseau sur la unua paĝo de *l'Emile*, lia fama verko pri edukado. Lian konsilon sekvas hodiaŭ la modernaj serĉantoj pri pedagogio. Ili klopodas utiligi la rezultatojn de psikologia studado por plibonigi la instrumetodojn. Ili organizas sisteman eksperimentadon kaj kolektadon de observoj, por ke la spertoj de l'unu helpu al la ceteraj.

En Ĝenevo, kie naskiĝis Jean-Jacques Rousseau, oni fondis en 1912 instituton kun lia nomo por krei eŭropan centron por tiuj studoj. La iniciatinto estis Dro Edouard Claparède, profesoro pri eksperimenta psikologio ĉe la Universitato, kiu baldaŭ vokis al direktoreco Profesoron Pierret Bovet el la Neuchatela Universitato. La unua estas bone konata pro sia libro „Psikologio de l'infano“ kaj la dua pro tiaj verkoj kiel ekzemple lia studo pri „La Instinkto Batalema.“

Instituto Jean-Jacques Rousseau neniel similas „Normalajn“ instruistajn lernejojn. Ĝi estas universitata serĉejo, kvazaŭ kooperativo por eduka scienco, fondita kiel privata entrepreno. La ŝtato baldaŭ komprenis ĝian gravecon kaj ĝin eksubvenciis. Nun la ĉefaj instruantoj en ĝi ricevis katedron universitatan kaj tiel ĝiaj plej gravaj kursoj oficialiĝis. Nur la aranĝo pri la diplomoj ankoraŭ ne finiĝis kun la Ŝtato, kaj la Instituto konservas ŝatindan sendependecon en sia gvidado.

Kutime kvardeko da gestudantoj laboras en la Instituto. El ĉiuj nacioj ili devenas. Multaj estas stipendie senditaj de siaj registaroj kaj interesiĝas al unu aŭ alia fako. Efektive la Instituto aldonis al si eksperimentajn kampojn, ekzemple specialan „Domon de l'etuloj,“ kie oni edukas infanojn 3 ĝis 7-jarajn. Tie la geknabetoj ĝuas grandan liberecon je moviĝado kaj oni kreis taŭgan ejon por veki ilian scivolemon kaj agemon.

La studantinoj de l'Instituto tie povas observi kiamaniere kreskas la interesoj de l'etuloj kaj ili havas okazon kontroli la ideojn de Froebel, Montessori, Dewey, Decroly aŭ Claparède per vivaj ekzemploj. Ankaŭ la ŝtataj elementaj lernejoj estas larĝe malfermitaj al la enketoj de l'Instituto.

Sub gvidado de F-ino Descoeudres kelkaj gestudantoj specialiĝas en edukado de nenormalaj infanoj. La nove kreita servo por konsultado kuraco-pedagogia havigas multegajn okazojn samtempe por helpado kaj observado. Konstantan rilaton oni ankaŭ konservas kun la ŝtata Tribunalo por infanoj, kiu aperigas ne nur individuajn ekzemplojn de moralaj malsanoj, sed ankaŭ la sociajn mankojn tre ofte kaŭzajn.

La Instituto kunvokis en 1920 la unuan internacian konferencon pri Profesia Orientado.[1]) Specialaj kursoj kaj eksperimentado pretigas la studantojn al kontrolado kaj eltrovado de la diversaj manaj aŭ intelektaj kapabloj ĉe geknaboj. Jam diversaj profesiaj lernejoj petis la Instituton J. J. Rousseau kunlabori por certaj ekzamenoj de kandidatoj telefonistaj, horloĝistaj aŭ mekanikistaj.

Ankaŭ oni eldonas kompreneble publikigaĵojn pri la faritaj observoj kaj ankaŭ modelojn de edukaj ludiloj. Pri ĉiu nova intereso instrua, la Instituto emas al metoda kontrolado kaj ordigo de l'observoj, sed ĝi neniam forgesas sian finan celon, kiu estas helpi la homaron faciligante pli bonan preparon de la novaj generacioj. Tial ĝi akceptos en somero la IIIan Universalan Kongreson pri morala edukado. Same tial ĝi konsentis kunvoki Internacian Konferencon pri la Instruado de Esperanto en lernejoj (18-21 Aprilo). Se la partoprenontoj povas alporti klarajn spertojn kaj ilin metode interkompari, la ricevota dokumentaro poste efikos kun tiom pli da aŭtoritato.

---

## Profesia orientado

de *Ernest Hediger*

Dum la lastaj jaroj, la ideo pri profesia orientado, t. e. pri la pli logika disdonado de la laboristoj en la diversaj profesioj, faris grandajn progresojn. En la nuna tempo de reorganizo de la laboro, oni estas devigata rimarki la grandan valoron de sistema elekto de la laboristoj, kiu ne estas alio ol la scienca aplikado de la angla proverbo „la ĝusta homo en la ĝusta loko“.

Kaj vere, estas necesege fari elekton inter la diversaj individuoj se oni volas ke la efiko de la homa laboro atingu sian maksimumon. Estas ja klare, ke la reorganizo de la laboro sur bazo pli utila estos tre faciligata, se ĉiu laboristo faros tion, al kio li plej taŭgas. Oni ja ne forgesu la specialigon de la nuna laboro fabrika, kiu postulas specialajn korpajn kaj spiritajn kapablojn. Ĉio tio do devis altiri la atenton de multaj rondoj je la problemo de la profesia elekto.

Kiel ni jam scias, la amerika inĝeniero *F. W. Taylor,* kiu kreis mondfaman sistemon de scienca organizo de la profesia laboro, efektivigis elekton de la laboristoj laŭ kapableco. Sed lia sistemo povas esti kritikata kun rajto, ĉar la elekto okazas tro malfrue, kiam la laboristo jam akiris profesion, kiun li nur malfacile povas ŝanĝi.

Post tiu unua provo de Taylor, la metodoj ebligantaj la ekkonon de kapabloj por certa profesio faris grandajn paŝojn antaŭen. Ni rapide ekzamenu la nunan staton de tiuj studoj.

Le ĉefa punkto estas la momento de la elekto de profesio. Ĝi devas kompreneble okazi antaŭ la eklerno, dum la juneco, ĉirkaŭ inter 14 kaj 17 jaroj. En la nunaj kondiĉoj, la elekto fariĝas sen reguloj, ĉar plejofte la junulo

[1]) „Orientado“, nun internacia vorto, signifas, „gvid(iĝ)adon“. Vidu la sekvantan artikolon de S-o Hediger pri tio.

elektas sian profesion laŭ hazardo, reklamo, konatiĝo, ktp. Tiamaniere, li ofte suferas pro profesio ne konvenanta al li kaj laboras sen plezuro. La produktoj kariĝas pro la multnombro de homoj kontraŭvole ne sufiĉe produktantaj, kaj la tuta homaro suferas pro tio.

Ĉar estas tre malofte ke juna homo mem konas siajn kapablojn je unu aŭ alia metio, la profesia orientado devas ekkoni ilin por li. Tio efektiviĝos laŭ la sekvantaj reguloj:

Klarigi al ĉiu la ekonomiajn, moralajn kaj higienajn kondiĉojn de ĉiu profesio,

Fiksi kiaj estas la korpaj kaj spiritaj kondiĉoj necesaj por ĉiu profesio,

Krei sciencajn metodojn por ekkoni ĉu la kondiĉoj necesaj al iu ajn profesio troviĝas ĉe kandidato.

Tiu lasta parto de la problemo certe estas la plej malfacila kaj postulas longajn studojn. Tamen, oni jam detale studis la kapablojn necesajn por diversaj metioj. Ekzemple, oni postulos de estonta maŝinskribisto rapidecon, precizecon, atenton, memoron. Kontraŭe, imagpovo, juĝado estos kvazaŭ senutilaj.

Kiaj estos la manieroj ekkoni la korpajn kaj la spiritajn kapablojn? Inter la jam multnombraj metodoj, ni ekzamenos nur du aŭ tri.

Por konvinkiĝi pri la reakcioj aŭda, okula kaj tuŝa oni utiligas tre simplan aparaton, konsistantan el tamburo aerplena kiu haltigas sekundan poŝhorloĝon kiam oni premas sur ĝi. Oni eklumigas lumon kaj samtempe igas marŝi la horloĝon. La persono observata devas premi la aparaton tuj kiam li rimarkas la lumon. Laŭ la marŝotempo de la horloĝo oni povas juĝi pri la nerva rapideco de la estonta laboristo. La sama eksperimento estas farata kun bruo kaj kun tuŝo. Por koni la gradon de lacigo, oni nur bezonas ripeti rapide kaj seninterompe la samajn eksperimentojn.

Por fiksi la gradon de l'atento, oni povas uzi la sekvantan facilan metodon: oni metas sub la okuloj de la observata persono presitan tekston de ĉirkaŭ 30 vortoj. Oni lasas lin ĝin legi unu fojon kaj poste oni diras al li ĝin relegi kalkulante la nombron da literoj *r* aŭ *a*, ktp., entenitaj en la dirita teksto. Laŭ la ĝusteco de la nombro trovata kaj la tempo bezonata por tio, oni juĝas pri la atentosento.

Por aliaj profesioj, oni kreis metodojn kiuj juĝas la kandidaton laŭ la tuta laboro efektivigata de li. Por la tramkondukistoj, ekzemple, oni elpensis specialan aparaton kiu prezentas al la observata homo ĉiujn karakterigojn de lia estonta okupo: gvidiloj, kiujn li tenas, grafike montras lian taŭgecon kaj ebligas en kelkaj minutoj la juĝon pri kapableco de kandidato, kaj samtempe la direktigon de nekapablaj homoj al alia metio, pli bona por ili kaj malpli danĝera por la homaro.

Tiuj kelkaj ekzemploj sufiĉos por montri la gravecon de la profesia orientado kaj de la elekto de la laboristoj. La praktiko jam adoptis la plejmulton de la tiacelaj metodoj, vidante kiom grava estas la elektado de la laboristoj laŭ la principo de *la plej taŭgaj*.

Oni certe sufiĉe baldaŭ konos la kapablojn ĉiuspecajn necesajn por la diversaj metioj kaj la manierojn kiuj permesos ilin ekkoni ĉe la homoj. Tiam, la homara progreso estos farinta grandan paŝon al la prosperado, ne nur de la laboristaj klasoj, sed de la tuta homaro, faciligante la laboron kaj igante ĝin pli volonte efektivigata.

---

*La estraro kaj oficistaro de UEA kore dankas la multajn korespondantojn, kiuj bonvolis sendi al ili Novjardezirojn. Ĉar estas neeble respondi al ĉiu aparte, ili petas siajn afablajn korespondantojn akcepti per ĉi tiuj linioj iliajn korajn dankojn kaj sincerajn reciprokajn bondezirojn.*

---

# Kion celas nuna Pedagogio?

de *Liang-ĉu-vaj.*

Novaj metodoj! Novaj lernejoj! Eduka reformado! Oni aŭdas ĉie tiujn fortajn parolojn. Eĉ tra tuta Ĉinlando vojaĝas nordamerikaj apostoloj de la nova evangelio por instruistoj. Lastatempe okazis tre sukcesa kongreso pri tiu temo en Ĉang-ŝa.

Kion signifas tiuj vortoj gaje sonantaj kiel la vitraj sonoriletoj super la doma pordo? Dikajn volumojn oni povus verkadi pri tio kaj oni eĉ jam verkis. Sed mallonge estas eble priskribi la ĉefan trajton de la nuna tendenco.

Kiam ni estis infanoj kaj demandis mil klarigojn pri ĉio kaj ĉiu ajn en la mondo videbla aŭ nevidebla, oni respondis al ni, ofte pro laceco: „Silentu! Sufiĉas! Estas tiel ĉar ĝi estas tiel. Ĉiam estis.“ Kiam oni punis nin kaj ni kuraĝis ekparoli por defendo, oni respondis: „Fermu la buŝeton, aŭ la puno duobliĝos.“ Kaj jen en la angulo malhela ni pensadis kaj pensegis en niaj kapetoj gustumante la salecon de larmetoj malrapide fluantaj sur niaj vangoj ĝis al lipoj.

Ŝtopi la cerbon per memoraĵoj kaj ĉion devigi per „aŭtoritato“, jen estis la oftaj mankoj de la hieraŭa pedagogio. Hodiaŭ kompreneble oni saltas al la kontraŭa flanko kiel juna ĉevalido kureganta sur la verda kampo. Frakasiĝis la pordoj pezaj. Vivu lumo. Jen la libereco!

La infano fariĝis reĝo. Prave, ĉu ne? Li estas tiel ĉarma. Studu lin. Observu lin. Lasu lin. Libere li kresku kaj ekfloru per siaj propraj rimedoj, laŭ sia natura volo! Anstataŭ lin devigi al lerno, igu lin deziri la lernon. Anstataŭ ŝtopi lian buŝeton per plenkuiritaj kukaĵoj, igu lin serĉi mem la nutradon. Pli bone li memoros tion, kion li mem eltrovis. Faciligu lian serĉadon, organizu la okazojn, sed rezignu je troa maŝina instrufabrikado.

Jes, bone, eĉ bonege, kvankam ne ĉiam facile, speciale kun multnombraj klasoj; sed ne ekzistas nur intelekto. Kion vi faras pri morala edukado? Ĉu la moderne edukataj infanoj ne montriĝos terure senregulaj, sendisciplinaj, senrespektaj al gepatroj? Eble tio estas vera. Tamen eble ankaŭ mi preferas, ke mia fileto min amu tutkore eĉ petolante ĉe tablo ol ke li min malamu subpremate sub kaŝema timrespektego.

Tamen moderna pedagogio ne emas al malordo. Libereco devas esti saĝa. Ĝi trovas limojn tie, kie komenciĝas la libereco de l'ceterulo. En la lernejoj oni devas organizi la respublikon. La lernantoj mem kunpretigu certajn regulojn kaj sin mem devigu al respekto necesa. La ĉefa afero estas ke ili nenion faru senkomprene. Kontraŭe al la malnova sistemo, ĉio devas esti klarigata kaj pravigata, almenaŭ en la mondo videbla.

Anstataŭ eterne riproĉadi kaj puni, ĉar oni ĉiam volis „perforti“ la infanojn, nun oni klopodas bone koni iliajn emojn kaj ilin profiti por veki intereson. Psikanalizo multe helpis tiun ĉi tendencon. Preskaŭ ĉiam oni povas utiligi per lerta gvido emojn, kiujn la malnova metodo nur penis (tute vane) konstante kontraŭstari.

La novaj lernejoj fariĝis lokoj la plej gajaj en la mondo anstataŭ esti malhelaj enuejoj kaj danĝeraj plorejoj. La ĉefa afero ne estas kiom kaj kion la infanoj enmemorigis, sed ĉu ili scias lerni. Kapabliĝi al saĝa observado, al komprenema legado, kutimiĝi al bonhumora kunvivado kun ceteruloj kaj enprovizi gajigan sunon dum la senzorgaj jaroj de juneco, jen la ideala okupado de geknaboj. Moderna pedagogio rigardas al tiu stelo, sed la grizaj nuboj de l'ŝtatprogramoj ofte kaŝas ĝian brilon en la ĉielo.

 ESPERANTO ĈE LERNEJO 

# Pedagogia demandaro

*Por la Konferenco pri Esperanto en Lernejoj*

Por helpi la prezentontojn de raportoj al la ĝeneva Konferenco postpaska, ni proponas al la partoprenontoj la jenan mallongan demandaron, esperante ke ĝi helpos ilin kolekti precizajn faktojn kaj faciligos la starigon de taŭga plano por pliposta eksperimentado. Kompreneble tiu ĉi demandaro estas tute ne plena kaj celas nur montri ĝeneralan tendencon.

1. *Spertoj.* Montru precize la aĝon, sekson kaj socian medion de la lernantoj. Kiel estis al ili prezentita tiu nova studado? Ĉu ĝi estis deviga aŭ nedeviga? Kiel ili salutis ĝin? Ĉu iliaj sentoj ŝanĝiĝis dumvoje? Ĉu ili uzas esperanton en ludado parola aŭ skriba?

2. *Logika valoro.*

a) *por gepatra lingvo.* Ĉu oni konstatis en la vortaro konfuzojn kaŭzitajn ĉe la infanoj pro la fakto ke la esperantaj sufiksoj estas pli regulaj? Ĉu male la infanoj estis instigitaj al utila serĉado kaj klasigado de la vortformaj riĉaĵoj en sia gepatra lingvo? Ĉu la fonetika ortografio de esperanto kaŭzis plimultigon de eraroj en la gepatra, se tiu ĉi lasta havas nefonetikan ortografion?

Ĉu montriĝis nova intereso por gramatiko kaj lingvaj problemoj ĝenerale? Trafaj, konkretaj ekzemploj estus valoraj.

Ĉu esperanto faciligis distingon inter samformaj, sed gramatike malsamaj esprimoj (homonimoj)?

Ĉu ĝi faciligis gramatikan analizadon kaj distingon inter kazoj?

b) *por fremdaj lingvoj.* Ĉu la esperantaj vortoj kun fremda radiko faciligas la lernadon de la vortaro aŭ ĉu oni rimarkas konfuzojn?

Ĉu la elparolado estas helpata?

Ĉu la tradukado kaj forlaso de idiotismoj estas helpata? Ĉu kreskis aŭ malkreskis la intereso je fremdaj lingvoj? Kiel vi rimarkis tion?

c) *por klasikaj lingvoj:* Ĉu vi observis ion similan en unu aŭ alia senco?

3. *Morala valoro.* Ĉu oni intence prezentis esperanton kiel ilon de interpopola kunfratiĝado aŭ ĉu la lernantoj mem faris rimarkojn pri tio? Ĉu geografio ricevis ian profiton per nova intereso? Kiel oni povis organizi interlandan korespondadon sen troaj kostoj kaj doni al ĝi kiel eble plej grandan efikecon kaj intereson?

4. *Organizado de la instruado:* Ĉu ekzistas lernantoj tute malkapablaj lerni esperanton? Laŭ kioma proporcio? Ĉu la kaŭzo estas manko je memoro aŭ logika rezonado? Ĉu la normala daŭro de la instruado estas diversa laŭ la aĝoj de la lernantoj? Kiel? Ĉu vi havas interesajn spertojn komunikindajn pri ĉi tia aŭ alia metodo? *(Ni intencas organizi en Ĝenevo dum la Konferenco malgrandan pedagogian ekspozicion: lernolibroj, murtabeloj, instrua materialo. Ni estos al vi dankaj kunhelpi per sendaĵoj.)* Kiom, kiel kaj de kiam vi uzas la parolan metodon kaj la tradukadon? Ĉu vi rimarkis evitindajn erarojn en la instruado?

Kiel vi konsilus la aranĝon de la studjaroj? Ĉu vi rekomendus lernigi esperanton antaŭ aliaj lingvoj? Kial? Ĉu vi rekomendus daŭrigon post unu jaro aŭ simple instruadon de alia fako per esperanto, ekzemple geografiajn lecionojn en esperanto por konservi la kutimon de la lingvo?

*La Organiza Komitato.*

# Komisiono elektita en Praha

La komisiono elektita en Praha pri la enkonduko de Esperanto en lernejoj elektis sian prezidanton (D-ron Privat, 2, Chemin de Roches, Genève) kaj sekretarion (Dron Kamaryt, Telocvičná 3, Bratislava, Ĉeĥoslovakio). Ĝi kunsidos en Ĝenevo la 18—21 aprilo por ekzameni la proponon de sia pola ano D-ro Czubrynski pri enketo ĉe la Parlamentoj pere de la naciaj societoj. Lia deziro estas ke ili sin turnu al sia nacia deputitaro kun la jena demando: „Ĉu la Parlamento akceptus Esperanton kiel oficiale internacian helpan lingvon kaj enmetus ĝin en la programon de la lernejoj en la lando, se samtempe ĉiuj aliaj parlamentoj, aŭ almenaŭ la plej gravaj tion farus?“

Tiun petskribon akompanus speciala propaganda semajno kun paroladoj, gazetartikoloj, ekspozicio k. t. p. laŭ la jenaj klarigoj:

### Propono de Dro Czubrynski

*a)* La prezentado de la proponoj al la parlamentoj devas esti preparita pere de la naciaj esperantaj organizaĵoj, ĉar pri la lokaj cirkonstancoj ili estas la plej bone informitaj. *b)* Poste la Interparlamenta Poresperanta Komisiono (I P K) turnos sin al parlamento de iu ŝtato pere de tiu-ĉi nacia, aŭ ŝtata societo, kies devo estos sciigi la komisionon antaŭe pri formala flanko: al kiu sin turni, ĉar en la diversaj ŝtatoj la vojo povas esti alia, kiamaniere verki la alvokon kaj la enketon al parlamento, aldonante diversajn lokajn motivojn povantajn fari pli efikan impreson je la deputitaro? La enketa demando devos tamen por ĉiuj parlamentoj esti samteksta.*) *c)* Sciigita pri tiu-ĉi vojo la Komisiono sendas la alvokon kaj la proponon al la parlamento pere de la Nacia Societo Esperanta. Por ke ĝi havu plibonan efikon, oni aranĝas publikajn informajn prelegojn, en kiuj oni klarigos, ke alvenas fine la tempo, por demandi de la parlamentoj, ĉu ili konsentus enkonduki Esperanton en la lernejoj, se aliaj parlamentoj same konsentus; oni alvokas la apartajn societojn (ekz. sciencajn, komercajn, religiajn), subteni tiun-ĉi proponon. La eniro por tia ĝenerala informa kunveno devas esti senpaga por la parlamentdeputitoj kaj jurnalistoj, kiuj speciale devas esti invititaj. Estus tre dezirinde, ke bonaj kaj lertaj propagandistoj agu inter la lokaj societoj (ekz. samideanoj kuracistoj en kuracistaj societoj, instruistoj inter siaj gekolegoj k. t. p.), kaj petu, ke ili bonvolu subteni la proponon senditan per la Komisiono. Se estus maleble propagandi persone en la fakaj, neesperantaj medioj, oni povas dissendi petskribon kun samtempa peto, ke la societo, unu inter la aliaj, bonvolu per la aliĝa subskribo subteni la proponon. Samtempe estas dezirinde, ke funkciu ĉiutagaj informejoj publikaj, bone preparitaj kaj ke en la preso estu diskuto zorgeme preparata per la esperanto-informantoj. Oni devas havi minimume certan jurnalon en kiu oni devus respondi al eventualaj malbonaj informoj, eĉ atakoj. Dezirindaj estas eĉ la malgrandaj kaj modestaj, sed bone informantaj ekspozicioj de la literaturo, la paroladoj dum kiuj oni ankaŭ citus Esperanton. La deputitoj devas esti aparte informitaj per la presitaj klarigoj kaj minimume unupaĝaj, sed tre precizaj argumentoj, koncernantaj la esencon de la esperantismo. Dum la diskuta tago devas esti aranĝitaj en la parlamentejo, aŭ tre proksime de ĝi la informejoj je la dispono de la deputitaro kaj jurnalistoj.

La respondojn de apartaj parlamentoj anoncos la Komisiono kaj provos montri la pluan taktikon pri kiu ni nune ne klopodu, ĉar „kiu volas atingi la duan etaĝon, devas unue atingi la unuan.“

Konsiderinte, ke inter la ricevo de la komisiona enketa demando per la Nacia Societo kaj la prezento de ĝi al parlamento

*) Laŭ la propono de Pola Esperantista Societo al la XIII kongreso la teksto de tiu-ĉi enketo estis: „ĉu la parlamento akceptus Esperanton, eltrovitan de Dro L. Zamenhof kiel oficialan internacian helpan lingvon, kaj enmetus ĝin en la programon de la lernejoj en la lando, se samtempe ĉiuj aliaj parlamentoj aŭ almenaŭ la plej gravaj same farus? Nune ni aldonas al tiu-ĉi demando por provoki ridindecon de la nea respondo: „aŭ malgraŭ, ke la tuta mondo ĝin akceptus la parlamento tion-ĉi ne farus?“

devas forpasi minimume unu aŭ du-monata tempo por prepari la opinion, kolekti la favorajn subtenantajn subskribojn de la diversaj societoj, eĉ se ĝi tuj estas sendita al parlamento, sed diskutita post iu tempo, — estas dezirinde, ke oni jam aparte kolektu la adresojn de la societoj al kiuj oni sin turnos, ke oni havu preparatajn alvokojn, bone verkitajn kaj pridiskutitajn, por ke post la ricevo de la teksto oni povu tuj alpaŝi al la propagando. Oni devas ankaŭ prepari la aferon en la esperantaj ĵurnaloj.

Koncerne la argumentojn de teoriemuloj, kiuj instigas nin al interkonsento kun kelkaj aliaj formoj de internacia, artefarita helplingvo oni devas respondi, ke temas ne nur pri lingva demando, sed ankaŭ pri la organiza forto. La lingva flanko povus en la detaloj esti alia, ol nun ĝi aspektas en Esperanto, ĉar neeble estas s pozi, ke se la aŭtoro de Esperanto ne estus naskiĝinta, neniu helplingvo estus kreita, simile kiel neeble estas supozi, ke se Kolumbo ne naskiĝus, Ameriko por ĉiam estus malkovrita. Sekve kaj tial ni ne bezonas interkonsenti kun diversaj aliaj sistemoj de la artefaritaj lingvoj, ĉiam eblaj, kiam nur ne estas malpermesate ellaboradi en sia ĉambreto, apud sia skribtablo tiajn sistemojn. Tiu-ĉi diskuto estus senfina, ĉar ĉiam estas eblaj ankoraŭ novaj kaj novaj sistemoj, kiuj, ili estu eĉ tre malgrandaj kaj banalaj koncerne la reciprokajn diferencojn, tamen detruus tutan nian literaturon. Se iu volus al ni ion kontraŭstari, kaj instigi nin al la kompromiso kun ĝi, tio devus esti ne nur la artefarita nova lingva sistemo, sed la organizaĵo ellaborita simile solidare per la sango kaj cerbo de la miloj da samideanoj. Jen la fonto de nia forto. Pri ĝi ni ne devas forgesi!

La kerno de tiu-ĉi komisiono estas jam elektita dum la Praha kongreso, konsistante momente el ok personoj kaj landoj. Ni petas la naciajn esperantistajn societojn prezenti por tiu-ĉi grava entrepreno la novajn adeptojn el la landoj, kiuj ne havas ankoraŭ sian reprezentanton en la Komisiono. Kiam tiu elektantaro estos kompleta, ĝi organizos sin, akceptos la kreotan statuton kaj alpaŝos al laboro. Sed la naciaj organizaĵoj jam nun povas prepari iliaflanke la laborprogramon. La efiko estos des pli rapida.

**Skizo de la organizaj statutoj de la Interparlamenta Poresperanta Komisiono (IPK).**

La Interparlamenta Poresperanta Komisiono konsistas el esperantistoj de ĉiuj ŝtatoj, kie ekzistas parlamentoj.

Ĉiaj membroj estas elektitaj dum la Universala Esperanta Kongreso, kiuj tamen en la okazo de rifuzo de iu elektita persono, povas elekti novan membron. La aliaj membroj de la ŝtatoj, ne elektitaj dum la kongreso prezentas la naciajn esperantistajn societojn, al la ĝisnuna elektantaro komisiona.

La membroj de la komisiono, krom la eksterordinaraj kazoj devas esti plenaĝaj, kaj plenrajtaj civitanoj de iliaj ŝtatoj kaj nacioj, etike homoj senriproĉaj, bone kaj flue konantaj la lingvon de sia ŝtato kaj nacio kaj la esp. movadon, influemaj kaj taŭgaj agadi laŭ la programo de la Komisiono.

La Komisiono, interkonsentinte prezentas la ellaboritajn proponojn al la naciaj societoj kaj ricevinte de ili la necesajn informojn kaj la alvokon al parlamentoj sendos la enketon oficiale al ŝtataj parlamentoj per la vojo kaj laŭ adreso montrita de la loka kaj nacia societo.

La respondojn de la parlamentoj post la ricevo oni presos tradukitajn en la esp. ĵurnaloj aŭ aparte komunikos ilin al la organizaĵoj esperantaj kaj proponos la bazon por plua agado.

* * *

Pri la unua punkto la komisiona estraro jam petis la opinion de franca kaj belga parlamentanoj poresperantaj deputito Justin Godart kaj senatano Lafontaine. Ambaŭ diris ke estas nekutime kaj nekredeble ke Parlamento respondus al „demando“. Ĝi povas baloti leĝojn aŭ kreditojn, sed ne respondon al privata demando. Estus do necese trovi alian formon de enketo pere de registaroj. La komisiono danke ricevos ideojn kaj proponojn pri tiu afero aŭ opiniojn de parlamentanoj kontraŭajn al la ĵus aluditaj.

Pri la dua punkto estas efektive rekomendinde ke la naciaj societoj de landoj ankoraŭ ne reprezentitaj en la komisiono elektu po unu ano, konigu tuj al ni lian nomon kaj adreson kaj faru ĉion eblan por lin delegi al la ĝeneva kunsido.

Por la Komisiono, la Prezidanto: *Edm. P.*

## La Ĝeneva Konferenco.

La Konferenco por Esperanto ĉe Lernejo, okazonta en Ĝenevo la 18—21. Aprilo 1922 kunsidos en Komisiona salono de la Ligo de Nacioj. Pedagogia ekspozicio de esp. lerniloj (murtabeloj, libroj, ludiloj, statistikoj, kajeroj, geknabaj skribaĵoj aŭ poŝtkartoj) estos organizita ĉe la Instituto Jean-Jacques Rousseau, Taconnerie 5, Genève. Geinstruistoj bonvolu helpi per alsendo de interesaj montrindaĵoj.

La Brita Esperanto-Asocio admirinde organizis la respondon al nia invito. Post efika agado de speciala komisiono prezidita de S-ro Page, tri grandaj Federacioj decidis sendi kompetentajn delegitojn, kies nomaro sekvas:

**Skota Federacio.** S-ro D. J. Young M. A. Cowderbeath, lernejestro instruinta Esperanton en oficialaj vesperkursoj. — F-ino Watson, Coatbridge, instruanta Esperanton al knaboj en taglernejo.

**Jorkŝira Federacio.** F-ino C. M. E. Morton, Huddersfield, instruanta Esperanton en popola lernejo al 10-jaraj knabetoj. F-ino Morton paroladis pri tiu eksperimento ĉe la konferenco de Edukaj Asocioj en Londona Universitato la 5. januaro 1922.

**Lankaŝira kaj Ĉeŝira Federacio.** F-ino Mary A. Caldwell, Leigh, instruanta Esperanton en taglernejo. — F-ino Elisabeth Hogg, la heroino de la fama „Eccles-eksperimento“ en taglernejo.

**La Brita Esperanto-Asocio** estos mem reprezentata de S-ro Cox, instruinta Esperanton al knaboj. — F-ino L. E. Duncan, instruinta Esperanton ĉe Manchestera Universitato. — S-ino Gillet, Banbury. — F-ino Jane Baird, Edinburgh, instruistino, gvidinta la kursojn por infanoj en „Esperanto Monthly“ kaj „British Esperantist“. — S-ro George Probert, instruisto en Bedworth. — S-ro W. M. Page, Edinburgh, vic-prezidanto de B. E. A. — S-ro John Merchant, Sheffield, vic-prezidanto de B. E. A. — Niaj britaj samideanoj estas varme gratulindaj pro tiu bela kunhelpado al grava afero. La tuta esperantistaro dankos ilin pro ilia komprenemo kaj decidemo.

El ceteraj landoj mankas ankoraŭ multaj definitivaj respondoj, speciale pro la monvaluta diferenco. La *Nederlanda ministrejo por instruado* delegas S-ron Sevenhuijsen, el Haarlem, prezidanton de la Tutmonda Asocio de Instruistoj kaj konatan instruanton de nia lingvo en publikaj lernejoj.

La *Ĉeĥoslovaka ministrejo por instruado* delegas D-ron Stan. Kamaryt, profesoron en Bratislava, prezidinton de la Praha Kongreso.

La *Centra Dana Esperantista Ligo* delegas S-on N. O. Carlsen, komercan lernejestron en Odense, F-inon Asta Mikkelsen, instruistinon en Kopenhago, prezidantinon de „Esp. Unuiĝo de danaj instruistoj“, F-inon Astrid Rybo, vic-inspektorinon lernejan en Kopenhago.

La *Germana Esperanto-Asocio* delegas sian prezidanton D-ron Steche kaj la direktoron de la Saksa Esp. Instituto Profesoron D-ron Dietterle.

Ni kore esperas, ke la naciaj societoj en aliaj landoj ankaŭ faros sian eblon por sendi reprezentantojn plej kompetentajn. Ankaŭ ni varme rekomendas ĉiujn aprobantojn de la konferenco, ke ili helpu ĝin sukcesigi per alsendo de financaj subtenoj, eĉ malgrandaj. Pri *loĝejo* en Ĝenevo dum la tri tagoj de la konferenco ni faris aranĝon kun la Hotelo Richemond, moderna kaj tre bona, apud la Lago Ĝeneva kaj la Palaco de la Ligo. Ĉiuj partoprenantoj loĝos tie kaj manĝos en aparta salono. Ankaŭ oficejo estos rezervata por ili. La plena pensiono kostos 13 fr. potage. Trinkmono 5%. Oni bonvolu baldaŭ sciigi nin pri preciza tempo de l'alveno.

*La Organiza Komitato,*
12, Boulevard du Théâtre, Ĝenevo.

# LITERATURO

## Poploj en aleo

*. . . Poploj staras en aleo . . .*
*Ekiras vent' kun laŭta veo.*

*Ŝirita, trema ĝemospiro.*
*Jen: venta kanto pri l'sopiro.*

*Kaj dum la vento vee blovas,*
*La poploj treme sin ekmovas.*

*L'unua klini sin komencas,*
*Ĝi al la dua riverencas,*

*Sed ĝi al tiu vane zumas,*
*La trian tiu amindumas.*

*La tria flustras al la kvara*
*Kun ama tremo foliara,*

*Kaj tiel plu . . . jen lud' sencela*
*Kaj malfeliĉa kaj kruela*

*Kaj en la tuta vic' la sama:*
*Rifuz' de am', petego ama . . .*

*Sovaĝe ĝemas arb' vipata*
*De la sopiro senkompata . . .*

*Reklini sin . . . kaj miksus drone*
*Sin branĉ' kun branĉ' kaj estus bone,*

*Sed la proksim', la certa havo*
*Senloga estas kaj sen ravo,*

*Sopiro je l'neatingebla:*
*Jen flam' de l'kor' neestingebla . . .*

*Ho, steloj en la frosta alto!*
*Facila nub' en flug' sen halto!*

*Flor' sur la pint' de l'roko kruta!*
*Sur frosta lip' rifuzo muta!*

*Ho, flor' ravanta de l'deziro,*
*Ho, flor' — velkonta post deŝiro!*

*Ĉu veas, plendas nun la vento*
*Sub vip' sovaĝa de l'turmento,*

*Aŭ, dum ni en doloro dronas,*
*Ĉu rid' infera ĝia sonas?*

El „Mondo kaj Koro"
de K. de **Kalocsay.**

## Kadio kaj Prokuroro

Originala fabelo de *Karl Minor*

Vivis iam en Eŭropo prokuroro, kiu faris vojaĝon Azion, por konatiĝi al si la tieajn morojn kaj kutimojn. Lia vojo lin ankaŭ kondukis al Bagdad, kaj tie li interkonatiĝis kun kadio, kiun foje li petis, ĉeestigi lin dum juĝado. La kadio ne havis ian kialon, rifuzi tion, kaj unu luman tagon la prokuroro iris kun la kadio en la juĝejon.

Post kiam la kadio estis juĝinta kun preskaŭ Salomoneca saĝeco kelkajn negravajn akuzojn pro ŝtelado, laŭte insultante kaj kriegante envenis mohametano kaj post li du riĉe vestitaj servistoj, kiuj entrenis viron, kies ĉifona vestaro, kies maldikiĝinta korpo kaj kies senkarna vizaĝo pruvis la plej egan mizerecon.

„Ho sinjoro," ĝemis tiu, kiu estis enveninta la unua, kaj li falpuŝiĝis sin antaŭ la kadio. „Mi nomiĝas Ibrahim kaj estas riĉa tabakisto, kaj tiu malindulo min batis kaj tiele malbontraktis." — Dum tiuj paroloj li rigardigis al siaj riĉe orbrodumitaj vestoj, disŝiritaj je kelkaj lokoj, kaj al sia vizaĝo, sur kies frunto estis freŝa, granda vundo.

„Ĉu vi tion faris?" la kadio demandis la alian viron, kiun la du servistoj ankoraŭ tenadis je la brako, por ke li ne forkuru.

Tiu kapjesis.

„Kiel vi nomiĝas?" demandis la kadio.

„Mahomet."

„Kaj kial vi kuraĝis bati honestan viron?"

Ibrahim volis respondi kaj komencis eligi amason da insultoj. Sed la kadio al li ordonis silentiĝi, kaj igis la servistojn, lasi libera Mahometon; kaj tiu ĉi jene ekrakontis:

„Sinjoro, mi migris dum tri tagoj, nenion manĝis nek trinkis, krom kelkaj buŝoj da akvo, kiam mi venis al fonto. Eĉ ne unu homon mi renkontis, nek preterpaŝis kabanon, kaj eĉ unu kokosujon mi ne vidis apud mia vojo. Hodiaŭ je la tagiĝo mi venis en tiun ĉi urbon; kaj kiam venis la horo de la ellitiĝo, mi trovis min en tiu kvartalo, en kiu loĝas la riĉuloj kaj en kiu Ibrahim havas sian domon.

Mi frapis la pordon de la unua renkontita domo, kaj kiam al la riĉulo, kiu mem ĝin malfermis, mi estis rakontinta pri mia mizero, petante lin, doni al mi manĝi, li brufermis la pordon kaj kriis:

„Mi mem neniom havas!"

Senvorte mi foriris.

Ĉe la dua domo la posedanto sidis antaŭ la pordo, kiam mi alvenis. Mi rakontis al li, ke mi neniom manĝis de tri tagoj kaj petis pri nutraĵoj.

„Enpakiĝu!" li kriis, kaj la kolerego ruĝigis lian vizaĝon. „Mi donas neniom!"

Min ekscitis tiu senkompateco; sed mi respondis nenion kaj foriris.

La tria domo, kies pordon mi frapis, estis tiu de la tabakisto Ibrahim. Servisto malfermis; kaj kiam mi estis rakontinta pri mia stato, li sentis kompaton kaj kondukis min al sia sinjoro. La riĉa Ibrahim sidis sur sofo kaj ĵus estis ordoninta, ke oni alportu la matenmanĝaĵon, kiam servisto min envenigis.

Ibrahim atente aŭskultis min kaj poste diris:

„Vi aŭdis, ke mi ĵus ordonis, alporti la matenmanĝaĵon. Mi ellitiĝis hodiaŭ iom pli frue ol ĝenerale; tiel mallonga tempo pasos, ĝis kiam la manĝaĵoj estos alportataj. Sekvu min; mi dumtempe montros al vi parton da mia domo kaj da miaj trezoroj."

Mi modeste sekvis lin, kaj ni trapaŝis kelkajn ĉambrojn, en kiuj mi admiris liajn multvalorajn tapiŝojn, liajn belege brodumitajn kusenojn kaj liajn multekostajn vazojn.

Kiam ni revenis en la unuan ĉambron, la tablo estis ŝarĝumita de allogantaj fruktoj kaj plej bonodoraj manĝaĵoj.

„Alportu plian teleron kaj manĝilaron," ordonis Ibrahim al sia servisto, kaj tuj li komencis manĝi la frandaĵojn de sia tablo. Mi lin rigardis atenteme, kaj dum tio mi estis interompata nur unufoje: kiam Ibrahim al mi transdonis teleron, en kiu ankoraŭ troviĝis juglandgranda resto da kuirita rizaĵo.

„Gustumu do, ĉu la rizo ne estas bruldifektita," li diris. Mi manĝis la rizon, sed ne povis konstati malbonan guston; male: mi kredis, ke mi neniam manĝis ion tiel bongustan.

En tiu momento la servisto revenis kaj alportis la teleron kaj la manĝilaron. Ibrahim plenigis la teleron el la enhavaĵo de unu plado kaj poste metis ĝin sur la tablo — kontraŭe de sia sidejo.

Mi leviĝis kaj volis sidigi min antaŭ ĝi. Li estis observinta min, kaj kiam mi proksimiĝis de la tablo, li ekkaptis la teleron ĵus plenigitan kaj min demandis kun surpriza mieno:

„Kial vi ne restas trankvile sidanta, Mahomet?"

„Mi intencis sidigi min ĉe la tablo, por nun manĝi kun vi, ĉar dua manĝilaro ja estas alportita", mi respondis.

Jen subite li salte leviĝis kaj kolere ekkriis:

„Ĉu vi kredas, ke mi nutras almozulon per miaj multekostaj manĝaĵoj? Ĉu mi do per ununura vorto invitis vin al manĝo? La dua manĝilaro estas por amiko, kiun mi atendas!"

Nun min atakis senlima furiozeco. Mi vidis, ke li volis moki min kaj turmenti. Per la maldekstra mano mi lin ekkaptis je la brusto, kaj per la dekstra mi prenis multepezan kupran vazon, kiu staris apud mi, kaj per ĝi mi batis sur lin!"...

„Ĉu okazis, kiel Mahomet rakontis?" la kadio demandis la tabakiston.

„Ne!" ekkriis tiu. „Mi ne atendis amikon, sed parencon."

„Tio estas flanka afero. Mi volis demandi: ĉu vi afable akceptis lin, poste gvidis lin tra via domo, kaj fine ĉeestigis lin, kiam vi manĝis, donante al li neniom, krom buŝo da rizo, kvankam vi sciis, ke li ne manĝis de tri tagoj?"

„Ne, sinjoro," ekkriis Ibrahim. „La restintaĵo, kiun mi al li donis, ne estis rizo, sed..."

„Vi ne korekte respondas, ĉar vi ne kuraĝas pretendi antaŭ mi, ke la kompatindulo mensogas!" diris la kadio. „Okazis kiel Mahomet rakontis. Ibrahim ricevos kvindek batojn sur la plandojn kaj devos partoprenigi Mahometon ĉe ĉiuj siaj manĝoj, ĝis kiam iutage Mahomet mem deziros foriri de li!"

Kaj dum la juĝejaj pedeloj fortrenis la tabakiston, kiu kriegis de timo pro la bastonado kaj la elspezoj, kiujn al li igos Mahomet, la prokuroro diris al la kadio:

„Ĉe ni Mahomet estus kondamnita pro grava korpa lezo."

La kadio ridetis supere kaj nur respondis:

„Jes... ĉe vi!!"

---

## TRA LA LIBRARO

### *Pri recenzoj*

*Lastatempe, eldonintoj de verketo plendis al la redakcio de ĉi tiu ĵurnalo pro, laŭ ili, partia maljusta recenzeto. Ni sincere bedaŭras, ke la kritiko kaŭzis ĉagrenon al eldonintaj samideanoj. Tamen ĉiu honesta kaj verema homo, leginte la libreton kaj la raporton, konfesos, ke la lasta estas tute ne akra, sed milda riproĉo pri tiuj videblaj gravaj difektoj.*

*Kiel diris la sama recenzisto, en alia artikoleto, antaŭ dek aŭ dudek jaroj, oni ĉiujn Esperantaĵojn juĝis indulgege; la entuziasmo pardonigis multon; ne ĉie estis lertaj samideanoj pretaj tralegi tradukon antaŭ la presado; la presejoj ofte mankis je necesaj literoj aŭ ne dungis esperantan tipografiston. Nune la cirkonstancoj estas malsamaj kaj rajte oni fariĝis pli severa. Ne estas plu ĉia esperanta presaĵo ia maloftaĵo dankeme akceptata. La multeco da bonegaj verkoj pruvas, ke korekteco estas ĉie atingebla. Aŭtoroj kaj eldonistoj feliĉe ne plu povas senriske publikigi librojn malbone verkitajn aŭ plenajn je preseraroj. La epoko de ĉiama senkondiĉa admiro estas for; la potenco de nia movado, ĝia seriozeco malpermesas nun, ke iu ajn mallerta samideano tedu siajn samcelanojn per aĉaj presaĵoj kaj ŝovu inter la ornamoj de niaj bibliotekoj sian malplaĉan fuŝaĵon, kiun oni nur honteme povus montri. Ni bezonas valorajn tradukojn aŭ originalaĵojn kaj ni volas ilin en honesta vesto. Peko kontraŭ tiu necesa dececo estu ĉiam punota per apero de justaj meritataj riproĉoj. Kritiko pli severa ol la kutima certe farus servon al nia afero. La recenzoj en niaj gazetoj estas ĝenerale tre afablaj, tre laŭdemaj kaj montras mankojn nur kiam tio estas utila. Oni ne povas postuli, ke recenzanto ĉiam aspergu ĉion per benita akvo: Li rajtas, li devas diri senkaŝe sian penson; ne lasi al li tiun plenan liberecon estus forpreni la tutan valoron de lia laboro. Neniu eldoninto imagu al si, ke per sendo de du ekzempleroj de verko li aĉetas la konsciencon de la recenzisto.*

*Nia sindona kunlaboranto, S-o Georges Stroele, Lingva Komitatano, senpage kaj sindone kunlaboras al nia gazeto por tiu delikata fako. Ne ĉiam ni konsentas kun ĉiu vorto lia, sed ni respektas lian plenan liberecon, ĉar ni admiras lian fidelan zorgon kaj absolutan senpartiecon. Siajn gustojn, siajn opiniojn li ĉiam klare pravigas kaj la legantoj, kiuj kontrolas la librojn mem, konfesas la justecon de liaj juĝoj. Ni deziras profiti la okazon por publike danki lin tre sincere.* *(Red.)*

**Grammatica ragionata** arricchita di esercitazioni **di lingua Esperanto** ad uso delle scuole. *Domenica Pomarici.* Casa Editrice A. Mondadori, Milano-Roma. 448 paĝoj, 13×18 cm. Prezo: 14 L.

Jen nova plena gramatiko de Esperanto por Italoj speciale verkita por uzo en lernejoj. Ĉiuj punktoj de nia lingvo estas en ĝi siavice kaj tre detale klarigataj en tridek lecionoj; tre multaj ekzemploj evitos ĉiun dubon ĉe l'lernanto; samtempe la senĉesa komparo inter la malsimilaj esprimiloj de Itala kaj Esperanta lingvoj estas ĉiam akcentata tiom por ĝuste instrui la duan, kiom por helpi al pli plena kono de l'unua. Tiel denove pruviĝas ke instruiĝo en Esperanto estas taŭga helpo por ellerno de ĉiu natura lingvo. La libro enhavas multe da bonegaj ekzercoj Italaj kaj Esperantaj por traduki, legaĵoj, temoj por redaktaĵoj; la ĉefaj faktoj de historio, interna ideo kaj graveco de nia movado ne estas forgesataj; same konversaciaj frazoj, komercaj leteroj, anekdotoj, poezioj, tradukekzemploj ne mankas.

Unue oni juĝas preskaŭ tro ampleksa gramatikon kun preskaŭ kvin cent paĝoj; sed se ĝi provizas materialon por eble du aŭ trijara studado de Esperanto, se ĝi estas samtempe tiel kompleta kaj komprenebla, ke certe per ĝi perfekta meminstruado estas tute ebla, oni ne povas riproĉi la jam aluditan abundecon da klarigoj ekzemploj kaj ekzercoj. La libro montras nedubeblan pedagogian kapablon kaj estas ankaŭ bone aranĝita kaj presita. Sed pro ĝia pleneco, pro la sistema ordo, precipe pro la uzo de nura gramatika metodo, ĝi pli taŭgas por lernantoj de duagradaj aŭ superaj lernejoj, ol por infanoj. *G. S.*

**Tri verkoj de Leo Tolstoj.** El Rusa lingvo tradukis J. M. Kun antaŭparolo de Romain Rolland. Eldono de Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 Rue Boyer, Paris, 20ᵉ. 78 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 3 f. fr.

Portreto de Tolstoj ornamas la unuan paĝon; la titolo sciigas pri la rekomendo de Esperantista Literatura Asocio; la antaŭparolo montras kiel ĉefan trajton de l'Rusa pensulo, ian neordinaran spiritliberecon, ĉies celindan.

La tri verkoj estas pripensoj pri tiuj tri temoj: Patriotismo kaj registaro; Al politikistoj; Pensoj pri edukado kaj instruado. Kompreneble ni ne diskutos ĉi tie pri praveco aŭ unuflankeco de l'esprimitaj opinioj; ankaŭ ni ne cerbumos por kompreni kiel la kuniĝo ĉe Tolstoj de anarĥia doktrino kun kredo de praaj kristanoj estas akordebla kun la nuna principaro de l'komunismo, ĝenerale tiom senreligia, kiom sennacieca. Ni nur konstatos, ke la ideoj prezentataj iras rekte kontraŭ opinioj komune akceptataj kaj pro tio instigas al pripensoj certe profitigaj, se ne por ĉiuj konvinkigaj. Ni ankaŭ volonte konfesos, ke grava atentinda filozofa verko aperis en Esperanto, ke ĝi estas bone tradukita kaj inde presita. Tio estas kompenso por multaj broŝuretoj aŭ infanaĵoj ne tre valoraj, kiuj svarmas en nia literaturaro.

Pri la stilo, oni nur povas riproĉi pri kelkaj frazoj iom senutile komplikaj, precipe kiam longa komplemento disigas la artikolon aŭ la adjektivon de la rilata substantivo. Nur tre malmultaj nenecesaj vortoj enestas: „rara“ (malofta), „vando“ (muro), „homaĝio“ (honoro), „enkluziva“ (inkluziva, eble preseraro, sed estas tre malmulte da ili); ankaŭ ŝajnas ke: „disbruligi patriotismon en infanoj“ elvekas pli ideon de detruo ol de pliviglígo, kaj ke: „devivinta ideo“ ne estas tiel klara kiel mortinta ideo. *G. S.*

**L'Esperanto et la lutte des langues.** (Esperanto kaj lingvobatalo) *Léon Agou ine.* Eltirajo el La Revue contemporaine. Publikaĵo de Societo de Amikoj de Esperanto No 10. Centra Esperantista Oficejo, 51, Rue de Clichy, Parizo, 9ᵉ. 8 paĝoj. 13½×21 cm. Prezo: 0,50 f. fr.

Jen franclingva broŝuro; ĝi traktas pri la konkuro inter lingvoj anglaj kaj francaj kiel internaciaj komprenigiloj kaj pruvas per faktoj taŭgaj kaj per citaĵoj el famuloj, kiom neŭtrala lingvo estas nepre la plej bona solvo de l'problemo. Utila kaj tute nuntempa propagandilo.

**Pour l'expansion commerciale de la France à l'étranger.** (Por la komerca ekspansio de Francujo en fremdlando.) 4 paĝoj, 14×22 cm.

**Babiladoj de Bonhumora Zamenhofano.** *J. Ŝapiro* (Joŝo), Bialystok 1921. Havebla ĉe Pola-Esperanto-Servo (Fr. Prengel) Kordeckiego 1a, Bydgoszcz (Polujo). 44 paĝoj, 10½×17 cm. Prezo: 5 respondkuponoj.

Jen libreto kun ilustrita kovrilo, tri aliaj karikaturoj: fervora samideano, esperanta kunveno, kaj ĵurnalredakcio, kun kvin rakontoj titolitaj: Grava okazintaĵo, Terura sonĝo, Nia Societo, Se mi fariĝus idisto, La Voĵo. Tiuj prozaĵoj estas ankaŭ spiritaj karikaturaj skizetoj pri niaj specialaj samideanecaj moroj. La diversaj aludoj al nia movado, al ĝiaj kondukantoj aŭ kontraŭantoj, la mokoj ne tro akraj al niaj entuziasmuloj, la ridindigo de niaj iluzioj, versimitaĵoj kaj bildoj, ĉio vere amuzos la legantojn kaj pasigos al ili agrablan momenton. La stilo estas lerta, tre korekta; malmultaj preseraroj. Ja naciismo estas „tute egale“ en senco de „tamen“; kaj „disreviĝi“ ŝajnas ne tiel bona kiel „elreviĝi“. Ankaŭ mi ne skribus: „Ne okazis, ke Esperantisto tralegu jurnalon“ sed „tralegis“. La libreto meritas la rekomendon de E. L. A. montritan sur la kovrilo kaj ĉiu spritecamanto mendu ĝin. *G. S.*

**Bonhumoraj rakontoj** *de nuntempaj verkistoj. El la Hungara literaturo.* Budapest 1921. Havebla ĉe Hungara Esperanto-Servo: Paŭlo Balkanyi, Budapest VI, Hajos-ul 15. 32 paĝoj, 11×14½ cm Prezo: nemontrita.

7 rakontoj el 7 diversaj hungaraj verkistoj estas tie tradukitaj ankaŭ de pluraj personoj. Humoraj ili estas kaj samtempe ne groteskaj sed vere literaturaj; ili iras de kampula naiveco ĝis politika kritiko, de ridiga geedza vivo ĝis funebreca satiro, kaj akreco de unu estas mildigata de la bonanimeco de alia. Kvankam malampleksa, tiu karakterplena rakontaro havas certan valoron kaj estas ĝue legata. Ĝi ĉiel meritas la rekomendon de E. L. A. subtitole montrita. Ĝi plezurigu multnombran legantaron, ekkonigante verkistojn ne ofte konatajn ekster ilia lando. *G. S.*

**Mondo kaj Koro.** *Poemoj de K. de Kalocsay.* Budapest 1921. (Sama formato kiel la antaŭa, havebla samadrese.)

Ofte neesperantistoj opinias, ke nia lingvo, speco de signaro, ne povas havi beletristikan belecon, respeguli poeziajn sentojn, elveki literaturan admiron. Multaj verkoj jam pruvis la malon. Nova tia pruvo estas la kolekto de 24 originalaj poemetoj de Dro de K. Kvin el ili kantas pri la nova sento anoncita de nia Majstro; la ceteraj, sub titolo „Mondo kaj Koro“, harmonie rediras pri la eternaj temoj preferataj de l'poetoj, pri amo, beleco, naturo, bedaŭro, seniluziigo, rememoro. La verketo montras kunecon de lingva lerteco kaj poezia kapablo altgradaj. La legantoj konvinkiĝu mem laŭtdirante la eltiritan „Poploj en aleo“ presitan en tiu ĉi sama numero. (nove legata vorto: „ŝminko“, vizaĝŝmiraĵo). *G. S.*

**Karlo,** noveleto (facila legolibro) de *Edm. Privat.* Esperanto-Verlag. Berlin S. 59. 44 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 7,50 MK.

**Kursa Lernolibro,** de *Edm. Privat.* Esperanto-Verlag. Berlin. S. 59. 80 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 13,50 MK.

# ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

## *Februara raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Kelkaj samideanoj demandis, ĉu la lasttempe aperintaj libroj estas same bonaj kiel la libroj de la unua epoko de Esperanto, kiun ili opinias klasika. Ni povas ilin certigi, ke la novaj verkoj „For la batalilojn“, „Mirinda Amo“, „La Senlingvulo“ kaj multaj aliaj estas egalvaloraj je „La Faraono“, „Rikke Tikke Tak“ kaj ceteraj. Kompreneble la verkoj de la majstro superas ĉiujn, ni senlace rekomendas imiti ilian modelan stilon. Oni ankaŭ atente studadu la lastaperintan libron de Zamenhof, la „Proverbaron“. En vere mirinda maniero li tie tradukas ĉiuspecajn proverbojn, ofte rime kaj ĉiam trafe. Ĉiel oni sentas la genion de la tradukinto.

Borel revenis! Ĉu Jean aŭ Jules, kiu el niaj du kuraĝaj pioniroj? Ni ne parolas pri personoj sed pri libro. Aperis la 16a eldono de la „Plena Lernolibro“ por germanoj de Jean Borel. Ĝi unuafoje aperis antaŭ pli ol 16 jaroj (Borel kaj Juergensen) laŭ la fame konata lernolibro de Th. Cart „L'Esperanto en dix leçons“. (Samtempe dediĉita al la blinduloj.)

Danke kaj fiere ni povas konstati, ke profesoro Cart, la nuna prezidanto de la Esperantista Akademio, jam de longe apartenas al nia asocio. Same kiel li, E. L. A. energie subtenas la fidelecon de la Esperantistoj kaj la respekton al la lingvo, kiun donis al ni D-ro Zamenhof. Baldaŭ aperos:

1. Tria aldono al U. V. 2. Plena listo de Ofic. Vortoj (sen traduko), 3. Listo de propre esp. radikoj (kun franc., angl., germ. tradukoj), 4. korekto de la eraraj trad. de U. V.

Kun tre pripensinda antaŭparolo de Romain Rolland aperis broŝuro: „Tri verkoj de Leo Tolstoj“. El rusa lingvo tradukis J. M. Ni ne rajtas tie ĉi kritiki librojn, ĉar ĉi tio apartenas al alia rubriko de la gazeto „Esperanto“. Ni nur volas akcenti la utilecon de nia asocio. Dum la tuta milito ni konservis la bonegan manuskripton de nia kolego J. M., kaj kiam paca tempo revenis, oni deziris la verkon en Parizo, ni tuj ĝin tien sendis. (Sennacia Asocio Tutmonda.) Kelkaj samideanoj sendis al ni librojn pro recenzo. Pro la ĵus dirita kaŭzo ni ne povas plenumi ilian deziron, do la aŭtoroj de „Koboldo Ondra“ (Mahen), kaj de „Mondo kaj Koro“ (K. de Kalocsay) pardonu ke ni nur simple citas iliajn verkojn.

Iafoje anoj nun sendis librojn anstataŭ kotizo, pro malfavoraj moncirkonstancoj, ni tion danke akceptis.

Multaj samideanoj miras, ke ni estas la sola asocio en la mondo, kiu ne plialtigas la kotizon. Sed ni pripense kaj racie agas. Se la kolegoj en landoj kun alta valuto konstante sendas siajn francajn aŭ svisajn 5 fr., ni povas daŭre kovri niajn poŝtelspezojn malgraŭ granda plialtigo de l'tarifo en Germanujo.

Nia senlaca kolegino Roksano sendis kajerojn de la revuo „La interŝanĝo“ (L'Echange) Oficiala Organo de „Beziersa Stelo“. Ĝi estas dulingva kaj havas esperantan aldonon „Antaŭen“ kun interesaj sciigoj. Ekz. ni eksciis pri dua eldono de la duakta teatraĵo de Roksano: „Duonsurda“.

La firmo Hirt u. Sohn en Leipzig daŭre havas intereson por Esperanto. Ĝi volonte eldonos esp. librojn, sed ĝi ĉefe akceptos beletristikajn verkojn. Ni ĝin demandos, ĉu ankaŭ poemoj estas bonvenaj kaj ni rekomendos volonte al la mondfama eldonejo la duan versaĵaron de Georgo Deŝkin. Lian unuan libron ›Versaĵoj‹ li kun danko ricevis el Montevideo.

**Aliĝis:** S-ro S. Frantz, Paris, 21, Rue Alain Chartier, — S-ro N. Antipov, Hammann-Lil. Villa „Les Gazelles“ Tunisie. — S-ro F. Prengel Bydgoszcz, Kordeckiego, Polujo. — S-ro Laurent Bergit, Beziers, Francu o. — D-ro Kolomano Kalocsay Budapest IX. Gyall ut. 7 Szent Gellertkorhas, Hungarujo.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

---

☛ **Ĉu vi repagis vian kotizon kaj abonon? Se jes, dormu trankvile, se ne . . .**

---

# Lingvaj Studoj

## Teknika vortaro.

*Ni ofte konsilis ke oni pretigu teknikajn vortarojn en la formo de vivantaj priskriboj anstataŭ sekaj malklaraj listoj. Tial ni presigas la jenan ekzemplon laŭ tiu ĉi metodo.* *Red.*

---

### La kranka mekanismo aŭ transmisiilo[1].

Kompilajo laŭ la enciklopedia esperanta-germana vortaro de *Eugen Wüster**).

La celo de la kranka mekanismo estas transformi iran-reiran rektlinian movon en rotacian (aŭ inverse). Konforme al tio oni ĉiam retrovas du *pivotojn*[2], el kiuj la unu faras rektlinian movon kaj la alia rotacian; plue ne delokiĝantajn dum la funkciado rekton resp. punkton — *rotacicentron*[3] — laŭ resp. ĉirkaŭ kiuj okazas la du movoj. Laŭ la maniero transigi, *transmisii* aŭ *transsendi*[4] la movon de la unua al la dua pivoto, t. e. kunligi aŭ *konekti*[5] tiujn du punktojn, ekzistas du malsamaj krankaj mekanismoj: la *kranko kun turnostango*[6] kaj la *kranko kun kuliso*[7].

La karakteriza parto de ambaŭ estas la *kranko*[8]. Kranko estas per unu finajo pli malpli perpendikle sidanta sur ŝafto, la *krankoŝafto*[9], *levumilo***), ĉe kies alia finaĵo paralele kun la krankoŝafto sed ĉe la alia flanko de la kranko estas fiksita aŭ mantenilo — rezultas tiel la *mankranko* aŭ *manturnilo*[10] — aŭ pivoto, la *turnpivoto*[11] — rezultas la *frunta kranko*[12]. Se du krankoj estas simetrie kunigataj tiel, ke ili havas nur unu komunan turnpivoton, oni ricevas *krankokubuton*[13], kvazaŭe duoblan krankon; ŝafto en la mezo per ĝi provizita estas *kubutŝafto*[14]. La unupeca fundamenta parto de kranko aŭ krankokubuto estas nomata *turnobrako*[15], la distanco inter la geometriaj aksoj de la krankoŝafto kaj la turnpivoto *turnradio*[16].

Speco de kranko almetebla ankaŭ en la mezo de *kontinua*[17] (senkubuta) ŝafto estas la *ekscentriko*[18]: la rolon de la turnpivoto nun ludas la *ekscentrikdisko*[19], tiun de la turnpivota lagro (v. malsupre) la *ekscentrikringo*[20] kaj el la turnradio fariĝis la *elcentreco*[21].

Tuj ĉe la turnobrako la krankoŝafto pivotas[22] en la *krankoŝafta lagro*[23], iel nemoveble kunligita kun la fundamento.

La menciita en la komenco fiksita rotacicentro do estas donita kiel punkto de la geometria akso de l'krankoŝafto kaj la konsiderenda rotacianta punkto estas reprezentata de la turnpivoto. La korelativa rekto nun plue estas donita en la geometria akso de stango — ofte la *piŝtostango*[24] de vapormaŝino — ŝoviĝante tien kaj reen, neniam delokigante tiun akson; la konsiderenda punkto speciale en la finaĵo de tiu stango. Ordinare la rotacicentro kuŝas en la daŭrigaĵo de la alia fiksitaĵo, la rekto.

La tasko komence montrita nun do estas pli speciale formulebla: necesas transmisii la movon de la finaĵo de la stango al la turnpivoto.

Ĉe la *kranko kun turnostango* oni efektivigas tion, simple fiksante pivoton ĉe la finaĵo de la stango iranta tien kaj reen kaj konektante la du pivotojn per stango, la *turnostango* aŭ *konekta stango*[25]. Por tiu celo la turnostango ĉe ĉiu el siaj du finaĵoj havas plilarĝaĵon, *kapon*[26] — la peco inter la kapoj estas la *trunko*[27] — kun aperturo aranĝita kiel lagro. La unu lagro estas la *turnpivota lagro*[28] la alia ordinare la *kruckapa* (v. malsupre) *lagro*[29]. Kapo povas esti *fermita*[30] aŭ *marina*, t. e. *nefermita*[31], en la dua kazo ĝi havas depreneblan *ŝapelon*[32].

Se oni flankelasas la karakterizan movon ĉe la funkciado, similaj al la turnostangoj estas la *kuplostangoj*[33], servantaj por konekti la turnpivotojn de du krankoj egale grandaj kaj ĉiam restantaj paralelaj.

Ĉar ĉe la kranko kun turnostango aperas sufiĉe grandaj fortoj celantaj kunturni la iran-reiran stangon, estas necese, certe fiksi ĝian geometrian akson per speciala *gvidejo*, ekzemple *gvidplatoj*[34]. En tiu glitejo (sur la gvidplato, inter la gvidiloj), ŝoviĝas tien kaj reen la *glitpeco*[35], en kiun nun estas transformita la finaĵo de la ira-reira stango kun la pivoto. Plejofte la glitpeco kun la pivoto — tiam la *kruckapa pivoto*[36] — estas aparta parto kun *glitiloj*[37], fiksita per la *kruckapa kejlo*[38], al la ira-reira stango: la *kruckapo*[39].

Ĉe la *kranko kun kuliso* oni transigas la movon de la finaĵo de l'stango iranta tien kaj reen al la turnpivoto per tio, ke oni fiksas al ĝi perpendikle *kulison*[40], t. e. longforman ortangulan kadron, en kiu povas ŝoviĝi tien kaj reen *glitpeco*[41], kun aperturo lagrigita; en tiun glitpecon oni metas la turnpivoton.

Ambaŭ krankaj mekanismoj estas en la *pozicio de l'malviva punkto*[42], kiam la turnpivoto trapasas la geometrian plilongigaĵon de la ira-reira stango: kiam ili alvenis en unu el la *malvivaj punktoj*[42].

#### La respektivaj francaj terminoj.*)

1. mécanisme à manivelle, transmission par manivelle, 2. tourillon, 3. centre de rotation, 4. transmettre, 5. connecter, 6. manivelle, 7. manivelle-coulisse à, 8. manivelle, 9. arbre de manivelle, 10. manivelle à main ou à bras, 11. bouton de manivelle, manneton, 12. manivelle frontale *ou* en bout, 13. coude d'arbre, 14. arbre coudé, 15. corps de manivelle, 16. rayon de la manivelle, 17. sans coude, 18. excentrique, 19. plateau-excentrique, 20. collier d'excentrique, 21. excentricité, 22. pivoter, 23. palier de l'arbre de manivelle, palier principal, 24. tige de piston, 25. bielle, 26. tête (de bielle), 27. corps (de bielle), 28. palier de manneton, 29. palier de crosse, 30. fermée, 31. (tête de bielle) type marin, 32. couvercle, 33. bielle d'accouplement, 34. glissières, 35. patin, 36. tourillon de crosse, 37. patins, 38. clavette de la crosse, 39. crosse, 40. coulisseau, 41. glisseur, 42. position au point mort.

### Ĉevalbleki aŭ heni.

Mi ne bone komprenis la spritan rezonon de S-ro M. pri tiuj vortoj en dec. numero. Ŝajnas, ke li ne ŝatas »heni« (la vorton, kompreneble), ĉar poste oni bezonus alian radikon por porkebleki, ĉar »heni« iom similas la ĉevalblekon mem. Nu unue, por la porko, ni jam havas »grunti«, kaj ĉevalo estas besto pli nobla, pli domeca. Apud la ĝenerala ĉiam uzebla »bleki« estas utile havi specialan vorton por la plej komunaj bestoj. Due, vortoj imitantaj la sonon de bestoblekaj aŭ de naturaj bruoj ekzistas en ĉiuj lingvoj; tial ankaŭ en Esperanto, hundo bojas, kato miaŭas, serpento siblas, birdeto pepas, alaŭdo trilas, korvo grakas, kokino klukas, koko kokokrias, abelo zumas, rado knaras, vento muĝas kaj fulmo tondras. »Heni« ŝajnis al mi bona propono, kaj la argumentoj de S-ro M. ne ŝanĝis tiun opinion. *G. S.*

---

*) Komp. *Esperanto Praktiko* (junio 1921a), kie troviĝas raporto pri tiu plurvoluma verko preparata por publico laŭ komisio de la ŝtate subvenciata *Saksa Esperanto-Instituto.*

Noto laŭ deziro de S-ro D-ro *Privat:* La esenco de tiu vortaro estas alirebligo, kribro (unuecigo) kaj precizigo de la ĝisnuna lingvomaterialo laŭ la principoj elmontritaj en la artikloj *Esperantologio* (Esperanto Triumfonta 17. 7. 21. k. sekvantaj numeroj). Pro sekvado de la tria kaj kvara principoj („konsidero al la analogiaĵoj" kaj la „praktika postulo de interkompreno") kelkaj radikoj ne havas la formon absolute (t. e. ĉe flankelaso de tiuj du principoj) plej bonan, sed formon iom kompromisan. Ekz-e troviĝas ĉi tie la formo *rotaci-* (kaj ne *rotac-*, kiun rekomendas D-ro *Privat*), ĉar ĝi estas ĝenerale akceptita; same oni trovos *transmisi-* (kaj ne *transmis-*, por kiu pledas D-ro P.), ĉar jam ekzistas *komisi-* kaj *misi-* (flanke de *permes-*) kaj ĉar ĝis nun nur la formo **kun** *-i-* estis uzata. Mi persone tre ĝojus, se oni en Esp-o havus la formojn absolute plej bonajn, sed mi akcentas unu fojon pli, ke ŝanĝoj (eĉ ĉiaj ajn fiksoj!) devas esti farataj nur konvencie kaj ke unueca konvencio estas atingebla nur per centra prizorgado de la lingvo. Do oni zorgu pri esperantologia instituto kun centra povo. *Eugen Wüster.*

**) Nove enkondukita; *levumilo* (ĝis nun *levilo* devis sufiĉi) estas ĉiu solida korpo turnebla ĉirkaŭ fiksita punkto: A *lever*, F *levier*, G *Hebel*, R рычагъ.

*) Por pligrandigi la uzeblon de la ĉi-supra terminareto ni aldonas tradukaĵojn de la specialaj esprimoj en unu el la fontolingvoj de Esp-o.; ni ĉi-foje prenas la francan, sed en la kazo de daŭrigo alternigos la uzatajn naciajn lingvojn. ~ Angla, germana, (rusa), itala aŭ hispana gazeto deziranta represi la ĉi-supran kompilaĵon, kion ni konsideras rekomendinda, povas ricevi de S-ro *Eugen Wüster, Berlin-Charlottenburg, Berliner Str. 23* la ekvivalentojn en sia lingvo.

---

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**



## ESPERANTISMO



# XIV. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI — HELSINGFORS (Finnlando),

la 6—12 de aŭgusto 1922.

*Tria komuniko.*

**Vivkostoj en Helsinki.** La cifero I. signifas unuarangan hotelon aŭ restoracion, II. duagradan, III. pensionon aŭ „hejmon por vojaĝantoj“ (puraj kaj komfortaj), IV. malkaran manĝejon (ankaŭ ĉi tiuj tre rekomendindaj). *Loĝejo:* I. 35—70 mk (du litoj 50—100 mk), II. 30—50 mk (du litoj 40—70 mk), III. 25—35 mk (du litoj 35—50 mk). *Teo aŭ kafo kun buterpano* 5—6 mk. *Matenmanĝo* (lunĉo) I.—III. 12—15 mk, IV. 5—9 mk. *Tagmanĝo* I. 20—25 mk, II. 15 mk, III. 12 mk, IV. 6—10 mk. *Vespermanĝo* same kiel tagmanĝo. *Vegetara* matena, taga aŭ vespera manĝo 7—9 mk. — Pri malkaraj loĝejoj ni informos poste.

*Aliĝo.* La aliĝilo nun estas preta kaj sendita kun la Esperanta gazetaro en ĉ. 40.000 ekzempleroj. Se iu tiel ne ricevis la aliĝilon, li bonvolu peti ĝin de la L. K. K.*)

Ni reatentigas, ke nur aliĝoj kun kotizo estas registrataj. La jam aliĝintaj personoj estas petataj plenigi kaj alsendi la aliĝilon

**Pritraktotaj aferoj.** Ni atentigas la samideanojn, ke ĉiuj pritraktotaj aferoj estas informotaj al la K. K. K., per adreso de Esperantista Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris, antaŭ la 1a de majo 1922.

**Fakaj kunsidoj.** La L. K. K. konsideras la sukceson de la fakaj kunsidoj tre esenca por la ĝenerala sukceso de la kongreso, tiel je propaganda vidpunkto kiel ankaŭ por la progresado de nia interna movado. Tial la L. K. K. iniciatos, ke diversaj fakaj organizaĵoj invitu kaj aranĝu la fakajn kunsidojn. En niaj komunikoj ni informos la adresojn, al kiuj povas sin turni la samideanoj, kaj laŭeble la societojn invitantajn.

*Laboristoj.* Laborista Esperantista Societo „Unueco“ kaj la Kleriga Ligo Laborista (Finnlanda). Adreso ĉe Tuöväen Urheiluliitto (Laborista Sportligo), Eläintarhantie 1, Helsinki.

*Blinduloj.* Sro R. Bergh, Gengatan 3.

*Kristanoj.* Pastro H. Pätiälä, Vuolenkoski, Uusikylä.

**Antaŭkongresa ekskurso** trans la *Polusa cirklo.* Ĉar kelkaj samideanoj el Italio esprimis la deziron viziti la bordojn de Glacia Oceano, ni decidis iniciati ekskurson al Petsamo, la nova teritorio de Finnlando ĉe la Glacia Oceano. Ĉi tiu vojaĝo kompreneble estas tre longa kaj parte peniga, tiel ke ni povas ĝin rekomendi nur al elprovitaj turistoj, sed cetere neniu ekskurso pli plene valoras la penojn. Ni aludas al la ilustrita artikolo en Esperanta Finnlando, decembro 1921. — La partoprenontoj devos elveturi el Kristiania, ĉefurbo de Norvegio, la 9an de julio; ili povos resti unu tagon en la interesaj urboj Trondhjem kaj Tromsö, kaj alvenos al Vardö la 16an nokte. Ĝis tie la vojaĝo okazos en unuaklasa vaporŝipo. De tie oni daŭrigos per motorboato al Petsamo, kie oni alvenos antaŭ la malleviĝo de suno, kiu okazas la unuan fojon en la somero la 17an de julio, certe ankaŭ tiam nur por kelkaj minutoj. La meznoktan sunon la ekskursantoj vidos almenaŭ trifoje. En Petsamo ili restados ekskursante kaj fiŝkaptante 7—10 tagojn, por poste ekveturi laŭ riveroj, lagaroj, ŝoseo, per boatoj kaj poŝta aŭtobuso ĝis Rovaniemi, kie ili eniros fervojan kupeon. La 3an de aŭgusto ili alvenos en Helsinki, kie ili do havos du plenajn tagojn por ripozo kaj rigardado de la urbo, se ili ne volas uzi tiujn al ekskursoj. — La ekskursanoj, kiuj eble ne kuraĝus alveturi tra la dezertoj, laŭ riveroj kaj lagoj, povos reveturi laŭ la linio Vardö—Narvik—Haaparanta—Tornio—Helsinki, per vaporŝipo kaj vagonaro. — La kostoj de vivado en Petsamo estas ĉ. 50 Fmk tage. La veturo tra la dezertoj kostas 1.200—1.800 Fmk (laŭ la nombro de partoprenontoj), de Petsamo ĝis Helsinki, kun manĝo, tranoktado kaj ĉio enkalkulata. La vojaĝo tra Narvik proksimume egale. Biletprezoj: fervoje Kristiania—Trondhjem I. 134:—, II. 67:—, III. 39:30, ŝipe Trondhjem—Vardö I. 117:50, II. 75:—, III. 47:50 Norvegaj kronoj.

**La poŝtkartoj kaj reklamsignoj** promesitaj pretiĝas en mezo de decembro kaj estas sendataj al ĉiuj mendintoj. Mendu kaj uzu kiel eble plej multe!

**Monaferoj.** La L. K. K. danke ricevis 3000 Fmk donacojn, 34 Fmk por la blindula kaso kaj 4000 Fmk por la Garantia Kapitalo.

**Aliĝoj.** Aliĝis ĝis nun 76 kongresanoj el 10 landoj laŭ jena listo: Germanio 10, Anglolando 7, Holando 6, Estonio 4, Ĉeĥoslovakio kaj Franclando po 3, Aŭstrio, Pollando kaj Svislando po 2, Finnlando 37.

La nomaro de la kongresanoj aperas en la komunikoj sendataj al la aliĝintoj. Aliĝu tuj al la suba adreso por ĝin ricevi.

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV. Kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

*) Pro ŝanĝo de presejo kaj diversaj malhelpoj ni ne ankoraŭ povis aldoni tiun aliĝilon al „Esperanto“. Ni esperas trovi aranĝon por la Aprila n-ro. (Red.)

## KRONIKO.

### Britlando.

La Nord-Orienta Federacio organizis Zamenhof-Feston en Newcastle. Ĉeestis pli ol 40 esperantistoj.

La Brita Esperanto-Asocio starigis komisionon prezidatan de S-ro Page por zorgi pri sendo de kelkaj reprezentantoj al la Internacia Konferenco pri Esperanto en lernejoj, okazonta en Genève (18—21 Aprilo). Ĝi presigis valorajn dokumentojn angle pri la konferenco.

### Ĉeĥoslovakio.

S-ro Krempler, Del. en Sebnitz (Sachsen), invitata de la landlima urbo Niedereinsiedel faras tie kurson.

Flugfolioj pri Esperanto estis almetitaj al ĉiu el 55.000 Praha'aj ekz. de Národní Politika, la plej disvastigita ĵurnalo ĉeĥa. Kvin kursojn vizitas 250 p. En januaro 70 gaz. ĉeĥaj alportis notizojn pri Espo.

### Germanio.

S-ro Urban, blinda esperantisto en Frankfurt, aperigis germanan-esperantan vortaron duvoluman en Braille punkto-skribo. Aldono pri blindulskribaj mallongigoj aperos baldaŭ. Jen laŭdinda laboro! La grupo de Frankfurt aranĝis sukcesan Zamenhof-feston. En Braunschweig 22 policanoj sukcesis ekzamenon, kiu rajtigas ilin porti verdan stelon sur la maldekstra maniko. En Berlin okazis elekto de la Komitato de la Esperanta-Gruparo. P: S-ro Glück; S: Fino Wickel. S-ro Schiff, prezidanto de pli ol 15 jaroj, estis elektita kiel honora prezidanto.

### Hungario.

Sukcesa Zamenhof-vespero okazis. Pli ol 30 universitataj studentoj lernas Esperanton.

### Italio.

En Milano D-ro Edm. Privat paroladis ĉe la Laborista Universitato sub la prezido de la urbestro D-ro Filipetti kaj poste al geinstruistoj pri la Ĝeneva konferenco. En Romo li klopodis ĉe la registaro per vizitoj al ministroj.

### Jugoslavio.

La grupoj de Zagreb, Belgrad kaj Split sukcesis aranĝi belan Zamenhof-vesperon. Fondiĝis grupo en Ljubljana.

## Pollando.

La grupo »Konkordo« en Varsovio solene festis la 15an de decembro. Multaj eminentuloj venis por saluti S-inon Zamenhof.

## Svedlando.

S-ro Leander Tell paroladis pri Esperanto antaŭ la grava societo „Komercvojaĝista Asocio de Svedlando, Sekcio Gävle“ kiu unuanime akceptis jenan rezolucion:

„La Komercovojaĝista Asocio de Svedujo, Sekcio Gefle, en ordinara kunsido en Gefle lunde, la 19an de decembro 1921 volas per tio-ĉi, sciiĝinte pri la nuntempa movado por komuna komerca lingvo kaj tute konsentinte la kuncelajn aranĝojn de la komercaj ĉambroj de London kaj Paris kune kun diversaj aliaj oficialaj institucioj,

Plej varme rekomendi Esperanton kiel internacian lingvon de jam nun gravega signifo kaj rimedon al estontaj pli harmoniaj cirkonstancoj en la multlingva mondmerkato,

La Asocio volas siaflanke ankaŭ alvoki siajn membrojn kaj la ceteran komercistaron de Svedujo por kunhelpi la baldaŭan akcepton de Esperanto ĉe la komercaj lernejoj de nia lando kaj en nia eksterlanda korespondado.“

## Svislando.

La Instituto Minerva en Zürich, unu el la plej gravaj svisaj privataj lernejoj preparanta por ŝtataj ekzamenoj instruas Esperanton en komercaj klasoj. Gvidas S-ro kand. fil. Rudolf Unger.

## Azio.

En Kanton (Ĉinio) la ĉiujara kunveno de landa asocio de instruistoj esprimis la deziron, ke Esperanto estu devige instruata en la lernejoj.

En Tokio (Japanio) okazis propagandaj paroladoj antaŭ 200 fervojaj oficistoj, 180 el ili sekvas kurson gvidatan de S-roj K. Ossaka kaj Fuĵiki. En Nagoja S-ro S. Iŝiguro parolis antaŭ 500 studentoj. Komencis tuj grandega kurso kun 356 partoprenantoj. Ekzistas nun 45 grupoj en Japanio.

### Helpo al la rusaj malsatantoj

Ni ricevis novajn korŝirajn alvokojn pri helpo al malsatuloj en Ruslando kaj Siberio de la Blindula Petrograda Esperanta Societo (Kamennij Ostrov 12—2. V. Prejs) kaj de la Vladivostoka Esperanta Societo.

Anstataŭ ilin presigi, ĉar la ĉiulandaj gazetoj jam priskribis la tiean mizeregon ni juĝas esti pli utilaj al la malfeliĉuloj tradukante ĉi sube cirkuleron de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco kiu klarigas kiel helpo al Rusoj povas nun esti pli individue farata.

Tiu granda organizaĵo kun la kunlaboro de Dro Nansen, la fama norvega esploristo kaj filantropo, organizis servon de transdono de pakaĵoj al individuoj, societoj kaj bonfaraj entreprenoj en Ruslando.

La centra oficejo de la organizaĵo troviĝas en Genève kie ariĝas la mendoj. La pakaĵoj estas farataj kaj ekspedataj en Riga.

La pakaĵoj estas pageblaj en Dolaroj por certigi konstantan valoron. Ili enhavas:

| | 2 D. | 5 D. | 10 D. |
|---|---|---|---|
| Blanka faruno | 14 funtoj | 34 funtoj | 70 funtoj |
| Lakto | 4 skatoloj | 10 skatoloj | 20 skatoloj |
| Graso | 2 funtoj | 5 funtoj | 10 funtoj |
| Sukero | 2 funtoj | 5 funtoj | 10 funtoj |
| Teo | 400 gramoj | 2 funtoj | 4 funtoj |

Temas pri anglaj funtoj t. e. proksimume 453 gramoj. La pakaĵoj de pli ol 2 D. povas esti sendataj nur al grupoj aŭ bonfaraj societoj. Por la obloj de 10 D. la enhavo pligrandiĝas en samaj proporcioj.

La pakaĵoj povas esti disdonitaj en tuta Ruslando. Kopio de la kvitanco de la ricevonto estos sendata al la sendinto. Se en tempolimo de 3 monatoj la livero ne povis okazi la sendinto retroricevos la pagitan sumon. La sama ricevinto povas ricevi nur du pakaĵojn po monato. Oni povas aldoni duan adreson por la kazo se la unua ricevinto ne estas atingebla. La mendoj povas esti farataj nur pere de speciala formulo ricevebla de la Internacia Ruĝkruca Komitato, 1, Promenade du Pin, Genève. Sur tiu formulo troviĝas listo de bankoj en ĉiuj landoj, al kiuj la pagoj povas esti farataj en naciaj monunuoj. Oni skribu en Esperanto.

Ni esperas ke multaj samideanoj kaj grupoj uzos tiun aranĝon por sendi al la rusaj esperantistoj pakaĵon kiu helpos ilin travivi tiun ĉi teruran tempon.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al Ge-roj *Aldo Schmuckher* V. D. en Ĝenova naskiĝis filo nomita Aldano.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Jan Mikŝ* el Praha kun F-ino *Ot. Stránská* el Zdice.

Dro *L. Pentz*, Delegito de U. E. A. en Székesfehérvár kun F-ino *R. Schindele* el Mór.

**Edziĝo.** — S-ro *Manuelo Fernández Menéndez*, Delegito en Montevideo kun F-ino *Angela Maria Rizzi*.

**Honoriĝo.** — S-ro *Nik. Nikolajef* fariĝis subsekretario de la bulgara delegacio-konsulejo ĉe la Societo de Nacioj. Ni kore gratulas nian samideanon.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Demetrio Achillini**, prezidanto de la Ĝenova Esperanto Unuiĝo mortis 48-jara.

**Fritz Homer**, Delegito de UEA kaj prezidanto de la Esperanto-Unuiĝo en Villach (Aŭstrio, Karintio) mortis la 7 Januaro 1922, atinginta 38 jarojn. Lia fideleco al la movado estis modela kaj tro frue li mortis por ni.
F. W.

**William H. Huse** Vic-Delegito en Manchester New Hampshire, Usono.

**E. Thiele**, Membro n-ro 1861, longjara ano kaj abonanto de UEA kaj »Esperanto«, el Eberfeld subite mortis dum januaro. Kunfondinto de la grupo en Elberfeld li okupis de 1910 la oficon de prezidanto; fervora esperantisto li posedis ŝatindan karakteron; afabla kaj aminda en la rilatoj liaj konatuloj konservos honoran memoron.
P. T.

**Marie Halter**, filino de nia eks-delegito S-ro Halter en Genève mortis 7 jara.

**Senofonte Lodi**, patro de F-ino Adelaide Lodi, esp-ino en Potenza.

# Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

S-ro *Manket* en Usono dankas kore S-inon Elsa Merkert el Lodz pro bonvola havigo de novaĵoj pri lia familio en Ruslando.

S-ro *Franco Ramolfo* el Torino varme dankas S-ron Arvid Ågren Del. en Eskilstura (Svedio) pro komerca informo afable donita.

S-ro *I. Kurbatov* en Ĉita (Siberio) dankas pro afabla sendo de propagandiloj al: la C. O. de U. E. A; Eldona Societo Esperanto, Stockholm; Nova Esperanto Eldonejo Berlin; P. Wyllen, Huddinge; J. Ŝapiro, Bialystok; E. Migliorini, Roma; J. Oulehla, Nový Bydžov; F. Taubmann, Haida; E. Tamm, Nõmme, Red. de „Verda Utopio“; J. Ŝeriŝev, Tokio; F. Michalek kaj multaj aliaj.

S-ro *R. Richez* en Genève kore dankas S-ron A. Landenne Del. en Huy pro bonvola aĉeto de libroj ne haveblaj en Svisio.

### Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj (I. A. E. F.)

Fervojistoj ĉiulandaj!

Dum la XIII-a la I. A. E. F. refondiĝis. Ĝia celo estas: Propagando kaj instruado de Esperanto; eldono de faka vortaro (terminaro) kaj de universala fakgazeto ilustrita; fine, klopodo, plifaciligi al la geasocianoj kaj iliaj familianoj la vojaĝadon kaj restadon en fremdlandoj.

Nepre necese estas, ke ĉiuj gefervojistoj baldaŭ aliĝu, ĉar ni bezonas ĉiujn kiel batalantojn kaj helpantojn. La jara kotizo estas 2 fr. aŭ 5 Kč., 5 gmk., 25 mk. finaj, 2 ŝiling., 2 liroj, 2 K skand., 1 dolaro (ankaŭ Buenos-Aires), 1 fl. hol. 25 Kr. aŭstr., 25 Mk. pol., 40 Kr. hung., 2 drakmoj, 6 dinaroj, 6 pesetoj. 20 levoj bulg., 10 lejoj rum., 2 jenoj jap., por ĥinoj kaj rusoj 2 fr. sv., do sumo malgranda, kiu al ĉiu ebligas la aliĝon. La enskriba pago: 3 Kč, 3 gmk., 10 mk. fin., 1 fr., k. t. p., t. e. ĉiam la duonon de la jarkotizo. La jarabono: 10 Kč, 10 gmk., k. t. p., ĉiam duoblan sumon de la jarkotizo. Kolegoj en bonvalutaj landoj estas petataj, sendi krompagon por la propaganda fondo.

Aliĝojn akceptas la sekretario, fervoja inspektoro Josef Blažek, Olomouc, (Ĉeĥosl.), Nová ul. 266. Ĉiujn monsendaĵojn — en nacia mono — al la kasisto, fervoja revizoro Emanuel Kubásek en Plzeň (Ĉeĥosl.), Lobezská ul., Prov. domy, Skup. B-I.-68. Kolegoj, kiuj estas emaj, kunlabori je la faka vortaro anoncu sin al la subskribinto.

Membrokartoj kaj la menciita fakgazeto estos sendataj al ĉiuj gepagintoj.

*Georg Habellok*, ferv. insp., prezidanto,
Breslaŭ 10 (Germ.), Schleiermacherstr. 19.

La gazetoj estas petataj, represi la artikolon.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 500, 1500, 4000;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 25, 65, 150;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 140, 380, 800;* **Jugoslavio:** *Din. 25, 65, 140;* **Italio:** *L. 14, 35, 70;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 300; Hungario: Kr. 90; Polio: Mk. 300. Ili nuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (**komercaj firmoj, societoj k. t. p.**) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Teritoria Organizo de UEA.** — La komisiono de UEA aprobis la proponon de la Ĝenerala Sekretario pri starigo de sekvantaj teritorioj kaj elektis kiel Ĉefdelegitojn la ĉi sube nomatajn personojn.

*Hungario:* S-ro Balkányi Pál (Paŭlo), Delegito en Budapest Hajos utca 15/II.

*Rumanio:* S-ro Andreo Cseh, Calea Victoriei 124 Cluj (Transsilvanio)

*Sudokcidenta Germanio:* S-ro Robert Kreuz, Grosse Friedbergerstrasse 13—17. Frankfurt am Main.

*Japanio:* S-ro Morizo Ga, Delegito, 16/V Kitamachi-Aojama Tokio.

*Kanado:* S-ro Tom S. Allan, Vicdelegito, 91 Prud'homme, Avenue Montreal N. D. G.

La supraj elektoj respondas al artikoloj 25 kaj 26 de la statuto. Per ili ni donas laŭstatutan povon al la elektitoj, agi en la nomo de UEA, konforme al la reguloj. Ni dankas al S-roj Balkányi, Cseh, Ga kaj Kreuz por la valoraj servoj ĝis nun plenumitaj kaj esperas, ke la nuna pozicio en UEA helpos al pli forta kunlaboro por la bono de nia Asocio.

Supozante, ke ni baldaŭ povos direkte rilati kun niaj rusaj samideanoj kaj ricevinte kelkfoje korespondaĵojn de nia komitatano S-ro St. Szabuniewicz en Moskvo, la prezidanto de UEA proponis kreon de Teritorio *Ruslando* kaj doni la povon de Ĉefdelegito al S-ro Szabuniewicz. La fakto, ke jam venas multaj demandoj pri aliĝo kaj la intereso kiun prezentas la rekonstruo de Ruslando en la nuna momento, devigas nin antaŭzorgi pri la restarigo de UEA en tiu-ĉi vasta lando. Aliflanke la mona demando, precipe la neebleco fiksi kotizon en enlanda mono kiu ne estas ŝanĝebla ĉe ni pravigas tiun proponon. La komisiono de UEA aprobis.

La amplekso de la ses teritorioj de UEA, respondas al la politika limo de la respektivaj landoj. Sudokcidenta Germanio havas kiel centron Frankfurt a. M.; al tiu-ĉi teritorio apartenas la ŝtatoj Baden, Hessen (Darmstadt), la Rheinprovinz kaj Hessen-Nassau

Kun la nun starigitaj ekzistas entute 9 Teritorioj; kelkaj aliaj estas en preparo. Proponojn pri starigo oni sendu kun detalaj klarigoj al la Ĝenerala Sekretario de UEA kiu ilin ekzamenos kaj laŭregule submetos al la Komisiono.

La Vicprezidanto de UEA. *Edm. Privat.* La Ĝenerala Sekretario. *H. Jakob.*

**Naciaj favorprezoj.** — Sekve de ŝanĝo en la kondiĉoj, sub kiuj estis fiksitaj la kotizoj dum oktobro 1921, ni konigas la jenan modifon kaj petas niajn Delegitojn kaj membrojn noti ĝin:

a) Pro la nova kurzfalo de aŭstria mono la kotizoj estas nun samaj kiel por Polio,

b) Laŭ registara decido la sole leĝa mono en Jugoslavio estas la dinaro; ĉiuj prezoj kaj kalkuloj devas esti esprimataj en tiu-ĉi mono. Konstatinte, ke la ĝisnuna prezo ne plu respondas al la okazinta senvalorigo ni fiksas novan.

La prezoj por ambaŭ landoj do estas:

| | | HM | M | MA | MS | Entrepreno |
|---|---|---|---|---|---|---|
| *Aŭstrio:* | Kr. | 300 | 500 | 1500 | 4000 | 1500 |
| *Jugoslavio:* | D. | — | 25 | 65 | 140 | 65 |

| | | Anonco en la Jarlibro 1922 1 paĝo | Anoncoj en ESPERANTO: Koresp. Anonceto | Anoncoj en ESPERANTO: Peto kaj Prop. 10 vortoj | Anoncoj en ESPERANTO: Reklamo 1 cm. | Insignoj (kun afranko) 1 p. | Insignoj (kun afranko) 10 p. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| *Aŭstrio:* | Kr. | 8000 | 100 | 100 | 400 | 250 | 2500 |
| *Jugoslavio:* | D. | 280 | 5 | 4 | 25 | 10 | 90 |

**Pago per biletoj.** — La pago per biletoj en rekomendita letero ne plu renkontas malhelpon en ĉiuj landoj. La C. O. observas, ke multaj samideanoj, precipe el landoj kun tre malalta monkurzo, sendas al ĝi kiel pagon, la plej malpurajn, ĉifonitajn kaj disŝiritajn biletojn, kiujn neniu banko akceptas ĉe ni por depono. Ni insistas ke oni sendu al ni ekskluzive pagilojn valorigeblajn. La nesekvo de nia insista peto kaŭzos prokraston kaj eventuale resendon al la paginto.

**Respondkuponoj.** — Ni konigas, ke sekve de decido de la poŝta administracio la respondkuponoj estas ŝanĝataj kontraŭ poŝtmarko de 20 centimoj; novaj respondkuponoj konformaj al la ŝanĝo de internacia afranko estas vendataj en Svislando 60 centimoj sv. Ĝia ŝanĝvaloro respondas al la afranko de 20 grama letero eksterlanden. La cirkulado de respondkuponoj estas limigita je 2 monatoj por eŭropaj landoj, je ses monatoj por ekstereŭropaj, post dato de aĉeto, videbla per la stampo de la poŝtoficejo. Cirkulas ankoraŭ multaj kuponoj de Aŭstrio-Hungario el la jaroj 1914—1918, de Francio kaj Italio ĝis 1920 kiuj ne valoras. Pro la komplika kaj tempoperdiga ŝanĝo, speciale la limigo je 10 pecoj ŝanĝeblaj potage, ni akceptas ilin nur kiel pago de anoncetoj, afranko k. t. p. Ni resendas kuponojn kiuj ne konformiĝas al supraj reguloj.

**Jarlibro 1922.** — Ni konstatas, ke ĝis nun venis ĉirkaŭ 80 respondoj pri la nombro de loĝantoj en la lokoj, kie estas Delegitoj de UEA. Ni insistas pri la tuja alsendo de tiu necesa informo kun eblaj aliaj kaj ni klopodos ilin enmeti se iel eble.

La redaktado, prizorgata de la Ĝenerala Sekretario bezonas multan tempon; tial, se okaze prokrastiĝas respondo al neurĝa korespondaĵo dum februaro oni bonvolu pardoni kaj pacienci.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** Movado de la poŝtaĵoj dum decembro 1921: Ricevitaj 619. Forsenditaj 1838. Entute 2457. (Antaŭa monato: 1472).

**Kotizoj por 1922.** — Je la 31 decembro 1921 estis enkasigitaj 124 kotizoj de membroj, 430 de membro-abonantoj kaj 28 de subtenantoj. Entute: 582. Entreprenoj: 9.

**Subtenantaj membroj.**

*Dua listo:*

18. S-ro Gerardo Puig Mestre, Santiago de Cuba. — 19. S-ro Vittorio Arcioni, Milano. — 20. S-ro J. D. Applebaum, Liverpool. — 21. S-ro R. G. Morton, Birkenhead (Britio). — 22. S-ro W. Chitty,

